Año XII (N.° 119) Depósito Legal V. 309-1959

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 1

ENERO FEBRERO 1960

Marqués de Caro, 6
VALENCIA
(ESPAÑA)

El Alcalde de Valencia, Excmo. Sr. D. Adolfo Rincón de Arellano, y el Presidente de la Federación Española, Dr. D. Rafael Herrero, en el acto de rotular con una artística lápida la calle del Dr. Zamenhof, en Valencia.



## ANTE LA NUEVA ETAPA

**La reciente celebración, en todo el mundo, del centenario del nacimiento del Dr. Zamenhof, nos coloca en la tesitura de considerar, con nuestro primer artículo, no solo el comienzo de un nuevo año, sino el de una etapa completamente distinta de la que finalizó con el año recientemente transcurrido.**

**Cien años, entre una laboriosa vida y el periodo inicial de una generosa siembra cultural, han producido en el mundo un estado de conciencia internacionalmente fraterno, gracias al Esperanto. El congreso internacional de Varsovia ha demostrado al mundo entero que el movimiento esperantista, aunque numéricamente reducido, constituye el núcleo inicial de un estado cultural y social, llamado a desempeñar un importantísimo papel en el futuro inmediato del mundo.**

**Nuestro país, el menos llamado a tomar parte en este movimiento, por su situaciòn geográfica y por desenvolverse lingüisticamente, con un idioma de gran difusión mundial, forma, sin embargo, en la vanguardia de esta noble lucha, gracias a la cual el mundo ha de discurrir por mejores cauces.**

**La Federación Española de Esperanto considera, en esta fecha, con satisfacción, el balance de su actuación: Tarrasa, Valencia, Bilbao, Zaragoza, Gijón, Madrid, Barcelona, Castellón y Málaga, son hitos que marcan su incansable porfía y legitiman su persistencia en sembrar y cultivar nuestra doctrina idiomática. Los recientes actos, en Manresa, Sabadell, Fuentes de Ebro, Cheste, Bilbao y Santander son el exponente de esa actividad esperantista, que ha tenido su más brillante expresión en Valencia, de la que nos permitimos esperar tangibles ventajas.**

**Amplios sectores de opinión, entre los que no faltan valiosos elementos de reconocido prestigio intelectual, observan con simpatía nuestros afanes y empiezan a reconocer que no basta con simpatizar platónicamente con ellos y con nosotros...**

**Por eso, podemos considerarnos satisfechos del pasado y podemos mirar esperanzados hacia el futuro. Bajo la égida de la Federación, los esperantistas españoles deben agruparse y esforzarse mancomunadamente, para lograr el triunfo del Esperanto, para bien de España y del mundo entero.**

**...kaj nun, post kulmino de la brila jubileo, estu plej fruktodone prospera la nova jaro 1960!**

# 21ª Hispana Kongreso de Esperanto

PONTEVEDRA • 21 - 23 JULIO 1960

Nia kara samideano Antonio Alonso Núñez, fronte de pluraj fervoruloj, aktive laboras por ke la venonta Kongreso estu tiel brila kiel la pasinta. Liaj preparoj kaj demarŝoj aŭguras plenan sukceson.

La Kongreso okazos kaj disvolviĝos sub la alta honora prezidanteco de

*Lia Provincestra Moŝto*

**S-ro Rafael Fernández Martínez**

*Lia Urbestra Moŝto*

**S-ro José Filgueira Valverde**

**Kaj nun, jen skizo de la programo, kiu cetere suferos sanĝojn --pliboniĝojn-- ĝis plej kontentiga aranĝo.**

| | |
|---|---|
| **Lundo 11.** | **Inaŭguro de la Ekspozicio de Esperanto, kies tuta elmontro daŭros dek tagojn.** |
| **Merkredo 20.** | **Akcepto de kongresanoj. Disdonado de dokumentoj.** |
| **Ĵaŭdo 21.** | **Solena Meso. Oficiala Malfermo. Lunĉo. Kolektiva fotografado. Prepara kunsido. Porinfana kunsido. Folklora Festo (muziko, dancoj)** |
| **Vendredo 22.** | **Unua laborkunsido. Vizito al Muzeo kaj urbaj vidindaĵoj. Prezento al la aŭtoritatoj de la rezultoj atingitaj dum ses-monata kurso (je duonhoro ĉiutage) kompare al similaj kursoj por franca kaj angla lingvoj. Ekzamenoj de Esperanto. Regionaj distroj.** |
| **Sabato 23.** | **Scienca aŭ kultura prelego en Esperanto. Dua laborkunsido. Solena Fermo de la Kongreso Kaj Ekspozicio, sub prezido de la Honora Komitato. Adiaŭa Vespermanĝo.** |
| **Dimanĉo 24.** | **Postkongresa ekskurso al la mondfama turisma restadejo La Toja kaj al tipa marista vilaĝo Combarro, k. t. p.** |

La programo do, eĉ kvankam provizora, estas vere interesa kaj loga. Cetere, de kie ajn oni alveturos, ne mankos bele okulfrapaj pejzaĝoj, ĝis la finaj etapoj, jam en la ĉarma galega regiono, kulminos en riĉa parado de plej variaj aspektoj en karakteriza geografio kaj en tipaj moroj aŭ vere originalaj popolaj kutimoj.

*Ni sendos baldaŭ la aliĝilojn, kiujn vi devas resendi, post plenumo, plej zorge kaj rapide. De nun, ĉiuj pretaj en preparo por diligente kaj entuziasme ĉeesti al nia 21ª!*

**Informojn kaj detalojn petu jam al**

**S-ro Antonio Alonso Núñez - Michelena, 16 - 4.º**

**PONTEVEDRA**

# TRE GRAVE!

## RADIO - PROGRAMO EN ESPERANTO DE «LA VOĈO DE AMERIKO»

La «Voĉo de Ameriko», la tutmonda radio-servo de la usona Registaro, decidis elsendi eksperimentan serion da programoj en Esperanto, komencante la 11an de venonta Marto. Oni preparas 6 programojn 30-minutajn, kun tre varia enhavo: intervjuoj, diskutrondoj, raportoj pri kulturo, literaturo, ekonomio, scienco, tekniko kaj la eksterlanda politiko de Usono, novaĵoj el la Esperanto-movado, «Demandoj kaj respondoj pri Ameriko», k. t. p.

La programojn direktas D-ro Wiliam Solzbacher, membro de la Akademio de Esperanto, en kunlaboro kun fakuloj kaj enmientuloj usonaj kaj eksterlandaj.

La «Voĉo de Ameriko» decidos, laŭ la spertoj kaj rezultoj de la eksperimenta serio, pri eventuala regula uzo de Esperanto. Raportoj pri la ricevo de la programoj, rimarkoj pri la enhavo kaj demandoj, respondataj en la rubriko «Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko» estu adresataj al

**D-ro Wiliam Solzbacher**

«Voice of America« Rm. 2528

HEW, WASHINGTON - 25, D. C. (Usono).

En 6 sinsekvaj semajnoj, ĉiu programo estos dissendata *trifoje ĉiun vendredon:* 11. Marto. 18. Marto. 25. Marto. 1. Aprilo. 8. Aprilo kaj 15. Aprilo 1960.

**Plej taŭga programo, por hispanaj aŭskultantoj, estos tiu de la 11ª vespere ĝis 11'30 vespere (laŭ oficiala hispana horo) per 30.74 aŭ 31.28 metroj kaj 9590 aŭ 9760 kilocikloj.**

*Profitu la ŝancon, kiun tio signifas.*

**Nepre aŭskultu kaj skribu!**

# FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## TESORERIA

## BALANCE EN 31 DE DICIEMBRE DE 1959

### COBROS:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit del año 1958 | | 12.124'— | Pesetas |
| Cuotas del año 1958 | 810'— | | |
| » » » 1959 | 33.912'— | | |
| Donativos en 1959 | 7.890'— | | |
| Ventas de Boletines y material | 686'— | | |
| Intereses en la cuenta Caja de Ahorros | 130'— | | |
| Matrículas exámenes | 90'— | 43.518'— | |
| Para HELPANTO-SEKRETARIO | | 9.925'— | 65.567'— |

### PAGOS:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| BOLETIN: | Impresión | 14.396'— | | |
| | Composición | 8.740'— | | |
| | Fotograbados | 1.300'— | | |
| | Sobres | 1.250'— | | |
| | Correo | 2.869'— | 28.555'— | |
| Impresos | | 2.152'— | | |
| Estantería comprada | | 561'— | | |
| Cuota de U. E. A. de 1959 | | 1.582'— | | |
| Tipos imprenta nuevos | | 9.375'— | | |
| Aguinaldos varios | | 443'— | | |
| Renovar direcciones máquina | | 329'— | | |
| Material sobrante Congreso de Málaga | | 166'— | | |
| Varios y menores | | 1.185'— | 15.793'— | |
| A HELPANTO-SEKRETARIO | | | 8.275'— | |
| A Ernesto Hurtado: Por su participación en las ganancias de Libro-Servo en varios años | Del superávit de 1958 | 7.147'— | | |
| | De cuotas 1959 | 2.710'— | | |
| | De donativos 1959 | 640'— | | |
| | De HELPANTO-SEKRETARIO | 1.650'— | 12.147'— | 64.770'— |
| | Superávit final | | | 797'— |

Valencia, a 31 de Diciembre de 1959

El Tesorero, *Ernesto Guillem*

**NOTA DE TESORERIA: De la comparación de este Balance con el anterior, resultan algunas diferencias dignas de comentario. El número de cuotas atrasadas cobradas es mayor, lo que indica actividad en la gestión del cobro, ya que no quedan por cobrar mas que unas cinco cuotas. Las de 1959 son mayores, por haber aumentado el número de socios en 76, siendo el total actual, de 678. Los donativos han aumentado en el 50 % lo cual se debe al entusiasmo de muchos de nuestros asociados, deseosos de solemnizar el año de Zamenhof, contribuyendo a la celebración, con sus espléndidas donaciones. Por último, en los cobros vemos una pequeña cifra de 130 pesetas, por intereses, que indica que los fondos de la Federación están situados en una Libreta de Ahorros. En los pagos se observa un fuerte aumento en el coste del Boletín, no solo debido al aumento del precio, sino al número de páginas, que fué mucho mayor que en el año pasado, puesto que para dar ejemplo de entusiasmo, se aumentó en cuanto fué posible. La estantería comprada era imprescindible para contener el archivo y los libros. La cuota de UEA es mayor por el aumento en el cambio de los florines. Los tipos de letra estaban gastadísimos y tuvieron que renovarse; es este un gasto que se hace cada cinco años, aproximadamente. El pago a Ernesto Hurtado se refiere a un largo periodo de años en que administró el servicio de librería, con un gran aumento del valor actual de los libros, propiedad de la Federación. Por último, se han modificado varios conceptos de los pagos, procurando ante todo que estuvieran bien claros**

## FRONTE AL VASTA PUBLIKO
## LA HISPANA ESPERANTISTARO FERMIS FE



Apud la tribuno, kun aŭtoritatuloj, policano parade salutas la strofojn de nia himno.

KUN pli-malpli da *garnituro*, sed ĉiam digne, laŭ plej adekvata rango, nialanda samideanaro omaĝis, per eksterordinaraj aranĝoj, la memoron de nia Majstro, dum monato Decembro, ĉe la fina etapo de lia jubilea jaro. Prelegoj, gazetartikoloj, publikaj ceremonioj, festvesperoj, bankedoj aŭ simpla kunestado —eĉ en familia rondo— tra la tuta amplekso de la hispana teritorio, estis kvazaŭ kirlaĵoj de flamanta fajro, transformita en simbolo de la hispana entuziasmo. Ĉar, en kelkaj el tiaj aranĝoj, mi reĝisoris aŭ rekte mem partoprenis, jen do ĉi-sube konciza kompilo, iom telegramstile, pri plej elstaraj punktoj, kiel adiaŭa saluto, en mia redaktora posteno:

En **Palma de Mallorca**, ĉefurbo de la Balearaj insuloj, estis grava evento la prelego, kiun faris nia samideano S-ro Miguel Arbona, en aŭlo de «Estudio General Luliano» antaŭ distingiĝa publiko. Prezidis maljuna veterano, kolonelo Bernardo Rabassa Boeras. Favoraj kaj ampleksaj raportoj aperis en ĵurnaloj kaj gazetoj, eĉ en tiu por eksterlandanoj «Majorca News», en angla lingvo.

En tute alia ekstremo, la Kanaria arkipelago ankaŭ bone celebris la Zamenhof-tagon. La Esperantista Societo de **Tenerife** aranĝis specialan radiodissendon, kiu daŭris 30 minutojn. Unue, S-ro A. Pombrol, prezidanto de la societo faris paroladeton; post ludo de regiona muziko, S-ro J. Régulo Pérez prelegis pri la vivo de Zamenhof kaj la grava signifo de Esperanto. Koincide kun tiu dato, la societo aperigis eksterordinaran numeron de sia «Rondiranto», kun ses grandformataj paĝoj, plejparte en hispana lingvo.

En **Valencio**, sub aŭspicio de la Federacio, okazis sinsekvo da plej variaj aranĝoj: Sabate, 12an, en salono de literatura societo «Amigos de la Poesía» mi prelegis pri la vivo kaj verko genia de D-ro Zamenhof. Antaŭ klera atentema aŭdantaro, mi bildigis parole la medion en kiu jam frutempe meditis infano kaj revis junulo, mense bakante la belan projekton de Lingvo Internacia, por ebligi komprenon kaj konkordon, inter ĉiunaciaj homoj. Nia Prezidanto, D-ro Herrero, tri tagojn poste, marde, la 15an mem, en lekciejo de la Kuracista Kolegio, ankaŭ prelegis por prezenti al siaj kolegoj la noblan figuron de elstara kamarado, D-ro Zamenhof, sub triobla aspekto: kuracisto, filantropo kaj lingvisto. Poste, en restoracio de Hotelo «Munich», sidis ĉirkaŭ tabloj gaja *bando* da preskaŭ cent gesamideanoj, por la jam tradicia vespermanĝo. Ĉar abundis gejunuloj, ne mankis bona apetito kaj bona humoro, kun sufiĉa dozo de atentemo por aŭskulti kuraĝigajn aŭ spritajn vortojn de D-ro Herrero, D-ro Tudela, S-ro Vizcaíno kaj ankaŭ de mi kaj de angla S-ano Elliot.



... gesamideanoj sur la tribuno en strato D-ro Zamenhof



Vespermanĝo en restoracia halo de hotelo «Munich»

## ...ME EN PROPRA RONDO

## ...A JUBILEON DE LA ZAMENHOF-JARO



S-ro J. Juanes intervjuas nian redaktoron, Luis Hernandez, antaŭ la esperantista mikrofono de Radio Bilbao.

Dimanĉe, 20an, matene, la Valencia esperantistaro rendevuis en bela kapelo de monaĥinejo, kie Pastro J. López, franciskano, celebris meson kun esperanta prediko. Post la religia ceremonio, oni amase piediris ĝis la proksima strato D-ro Zamenhof, por alesti en oficiala malkovro de arta tabulo, kun busto de nia Majstro.

La urbestro de Valencio, D-ro Adolfo Rincón de Arellano, kun D-ro Herrero kaj aliaj gravuloj, enprenirs tribunon, kiun eskortis urbaj policanoj en parada uniformo. Multaj ordinaraj dimanĉaj promenantoj kreskigis la nombron da ĉeestantoj, kiujn cetere logis viglaj arioj de la urba muzikistaro. D-ro Herrero diris unue trafajn salutajn vortojn Tuj poste, la urbestro elokvente emfazis la gravecon de ĉi tiu soleno, kiu honoras la nomon de nobla bonfaranto. Li promesis serioze studi la eblon, ke Esperanto estu instruata en la unuagradaj lernejoj de la urbo. Sekve, li tiris kordonon, per kio rulis velura ŝtofo kaj iĝis plene videbla la nomtabulo, dum aplaŭdoj de l' publiko garnis la strofojn de la nacia himno kaj tiujn de «La Espero». La momento estis tiel kortuŝa, ke okuloj larmis...

En **Bilbao,** la tieaj amikoj estas feliĉaj, kiel infanoj kun novaj ŝuoj, ĉar ili povis celebri la jubileajn festojn en propra ejo por sia grupo, tiel grava nun, ke ĝi nombras tricent membrojn. Tion mi havis okazon persone konstati, ĉar akceptante afablan inviton, mi veturis tien la 16an matene, kiam troviĝis en plena disvolviĝo la diversaj aranĝoj. Dimanĉe, la 13an, okazis meso kaj oni faris viziton al la tombejo, por surmeti florojn sur la tombojn de forpasintaj samideanoj. La 15an, oni faris festeton, kun kantoj kaj deklamoj en la grupejo. Ĵaŭde, la 17an, en la luksa aŭditorio de la Municipa Arkivo kaj Biblioteko, mi denove bildigis prelege la biografion de D-ro Zamenhof, post enkondukaj vortoj de S-ro Iranzo, la prezidanto, kiu bone preparis la etoson. Aplaŭdoj kaj gratuloj atestis pri plaĉo kaj kontento.

**Santander,** la ĉarma koketa urbo, estis lasta etapo, kie mi pasigis du agrablajn tagojn, en akompano de ege simpatia rondo, kies klopodoj garantias brilas entontecon. Mi prelegis en la Sindikata Domo kaj estis intervjuata de Radio Santander, same kiel, revene jam, en Radio Bilbao, kiel parto de ĝia interesa Esperanto-programo, ĉiujn dimanĉojn nokte.

Konscie ni sciu, ke la grundo estas nun pli taŭge sterkita ol iam antaŭe. La semo floros kaj fruktiĝos, sub helaj karesaj radioj de la suno hispana! LUIS HERNANDEZ



*Doloro kaj plezuro estas ĝemeloj.* SOKRATES.

## HISPANA GASTRONOMIO

### SUPO LAŬ STILO DE MALAGA

***250 gramoj de merlango, 200 da mituloj, 200 da palemonoj, unu cepo, unu ovoflavo, decilitro kaj duono da oliva oleo, petroselo kaj citrono, kiel ingrediencoj.***

***Oni kuiras unue la mitulojn, kribrante poste per tuko la akvon. Oni aldonas la cepon, laŭ etaj tranĉaĵoj, la palemonojn zorge lavitajn, la merlangon kaj la petroselon, kun kvanto da bolanta akvo, por kompletigi unu litron kaj duonon da likvaĵo. La kuirado devas daŭri dekkvin minutojn.***

***En supujo oni metas la ovoflavon, farante majonezon per la oleo, citronsuko kaj salo. Oni surverŝas bolanta la buljonon, bone miksante ĉion. Fine, oni aldonas la merlangon, sen ŝelo nek ostoj, la mitulojn, sen la klapoj, kaj la palemonojn, senŝeligitaj kaj pistitaj. Oni pulvorumas per pistita petroselo la jam pretan supon; kaj... bonan apetiton!***

### SALO POR NIA HUMORO

—Ĉi tiu medikamento estas tre amara.
—Nu, pensu, ke ĝi estas siropo.
—Ĉu ne egale, se mi trinkus siropon, pensante, ke ĝi estas medikamento?

—·—

—Ĉu estas dece veni hejmen tiel malfrue?
—Sed... nur la deka vespere.
—Ĉu vere? Horloĝo ĵus batis la duan!
—Mirinde! Ĉu vi fidas pli je horloĝo ol je via edzo?...

## PRI LA ABELOJ

Ĉi tiuj interesaj kaj utilaj insektoj kapablas movi siajn flugilojn 16.000 fojojn po minuto. Ili povas traflugi mezan distancon de 32 kilometroj en unu horo; sed, fakte, ili povas maksimume flugi senhalte 11 kilometrojn. Rimarkinda kuriozaĵo estas, ke ili povas flugi malantaŭen.

La abeloj havas kvin okulojn: tri simplajn kaj du specialajn. Tial, ili kapablas vidi eĉ dum plej malluma nokto.

Iliaj antenoj posedas 5000 nazkavetojn, kiuj ebligas flarsenton je 800 metroj. Pere de reciproke rekoneblaj sonoj, la abeloj facile sin interkomunikas.

Proksimume, en ĉiu laborflugo, abelo devas ĉerpi esencon el cent floroj.

La tuta loĝantaro, en ordinara abelujo, konsistas el 600.000 membroj. Se reĝino elmigras, 70000 laboristinoj akompanas.

Muso estas timiga besto por la abeloj.

## PAŜTISTA IDILIO

Nu...
kio estas kiso?,
petis paŝtistin',
kaj ĝoje paŝtisto,
kun am', diris ŝin:

Do...
kio estas kiso,
vi volas scii?;
ha! koramatino
mi diros al vi.

Jen...
ni lipo al lipo,
nin donu sen fin'...
tio estas kiso,
ho belkarulin'!

!...
ĉiela plezuro,
ha! ŝi diris lin:
—ĉu ĝi estas kiso?...
—ni ripetu ĝin!!

**M. DE ELEZCANO** - Bilbao

## SFINKSA ANGULETO

### GEOMETRIA PROBLEMO



Dividante ĉi tiun figuron je kvar egalaj partoj, kaj iel kombinante ilin, faru tute perfektan kvadraton.

Ĝusta solvo gajnos du poentojn, ĝis 15. Februaro

### SOLVO PRI LA PROBLEMO MATEMATIKO EN MALLIBEREJO EN LA PASINTA NUMERO

**5 jaroj**

—Mi deziras aĉeti molajn ŝuojn,
—¿!...
—Jes, ĉar mia edzino kutimas ĵeti ilin sur mian kapon.

*Plej granda neeblaĵo en la mondo estas gardi virinon, se ŝi ne volas sin gardi.*
LOPE DE VEGA






**LINGVO KAJ VIVO** Esperantologiaj eseoj de Gaston Waringhien — 452 paĝoj, 16 x 22 cm. Eldono de «Stafeto» La Laguna (Kanariaj Insuloj). Prezo: 200 pesetoj ĉe Libro-Servo.

Recenzi mallonge vastan verkon kia LINGVO KAJ VIVO neeblas. Recenzoskize oni povas diri, ke ĝin konsistigas kolekto da studaĵoj de la Direktoro de la Fako pri Ĝenerala Vortaro de la Akademio de E. aŭtoro de «Grand Dictionnaire Espéranto-Français» kaj de la suplemento de la Plena Vortaro, kaj kunaŭtoro de la Plena Gramatiko, Gaston Waringhien, kiuj studaĵoj ampleksas ekde Pra-Esperanto ĝis la komparo kun la aliaj planlingvoj, kun la etimologio kaj formiĝo de la esperantaj vortoj, la naskiĝo, vastiĝo kaj nepra neceso de la akuzativo, la landnomoj, la verbaj modoj, k. t. p.

Pri la kapablo de la aŭtoro atestas liaj gravegaj verkoj, sufiĉe konataj de ĉiuj, kiuj enprofundiĝis en la studadon de nia lingvo, kaj ĉi-okaze li faris honoron al siaj antaŭaj laboraĵoj; sed ja oni povas diri, ke li ne tenas sin en scienca objektiveco ĉe la artikoloj pri la esperanta pasivo, kie li defendas sian teorion pri la uzo de --ita aŭ --ata, depende de tio, ĉu la verbo estas de daŭro sen rezulto, de daŭro kaj rezulto, aŭ de rezulto sen daŭro, kun la apartaĵo, ke oni devas uzi --ita kiam la ago ne estas daŭra, kaj --ata, kiam ĝi estas tia; kaj tio nur se la helpverbo estas en preterito. Li diras: «estas falsa metodo difini la sencon de la pasivaj formoj rilatigante ilin kun la aktivaj kunmetitaj formoj, kiel faras kelkaj ***okazaj gramatikistoj,*** emaj pensadi pli geometrie ol filologie...» Kun tio, kiu kuraĝus diskuti aŭ simple dubi liajn asertojn? Ĉu okaza gramatikisto povus pravi? Tamen en «Raporto ĉe publika kunveno de la Akademio» li mencias «tiel eminentajn oponanatojn kiel F. A. F. Faulhaber, J. R. G. Isbrücker, Teo Jung kaj Paul Neergaard» kaj indikas «kiel izolita kaj senalianca li estas tie».

Lia «psikologia» difino de la tempoj estas atentinda; kaj ankaŭ estas peza argumento, kvankam ne tabua, ke ĝi estas interpreto de la uzo, kiun Zamenhof faris ĝenerale de la pasivaj participoj; sed oni konsideru, ke se al la lernantoj de internacia lingvo, kiuj neniam estos intelekta elito, oni prezentas malsimplan intuician verbosistemon, nepre ili «intuos» ĉiujn absurdaĵojn de la respektiva gepatra lingvo, kiel ilin intuis iliaj antaŭuloj. Ĉu S-ro Waringhien atentis sufiĉe tiun ĉi flankon de la problemo? Ĉu ne prefere uzi por ĉiu ajn verbo la simplan simetrian sistemon:

| | |
|---|---|
| estis, estas aŭ estos | —ita (antaŭe)<br>—ata (nun aŭ tiam)<br>—ota (poste) |

se ĝi estas ĉiam klara, nekonfuziga? Ĉu E. ne esprimas la daŭron per la sufikso --ad? Kial, se oni ŝarĝadis la ŝipon, la ŝipo ne estis ŝarĝadata kaj la ŝarĝistoj ŝarĝadantaj ĝin? Kaj se oni ŝarĝis, eĉ fulmrapide, solan paketon, ĉu ĝi ne estis ŝarĝata, kaj oni ĝin ŝarĝanta en tiu momento?

Krom tio altiris mian atenton la esprimoj «se ne serĉi pli malproksime», «se ne paroli pri», «valorpenas» (paĝ. 73) anstataŭ «valoras la penon» (!), kaj iuj nemultaj preseraroj; sed esence la libro estas rekomendinda kiel necesa al ĉiu, kiu ŝatas la Lingvon kaj kiu volas koni ĝin profunde.

**LUIS MIMÓ** (Sabadell)

---

**SANKTA NIKOLAO EN NEDERLANDO,** de Theo Ramaker kaj kelkaj amikoj de li. Esperanto-traduko de Julia Isbrücker. Eldono de la Internacia Esperanto-Instituto. — Den Haag, (Nederlando). 40 paĝoj. 29 pesetoj.

Jen libreto tre simpatia, kiu priskribas feston de Sankta Nikolao, la bonega sanktulo, kiu ĉiujare en sia naskiĝtago vizitas Nederlandon kun sia helpanto, la Nigra Petro, kaj disdonas al ĉiuj, infanoj kaj plenkreskuloj, multajn donacojn.

Tiu libreto enhavas, inter agrabla teksto, belajn fotojn, infanajn desegnaĵojn kaj kantojn kun muziko, por povi kanti ĉe la piano, ĉio en rilato kun tiu festo.

Por ni, hispanoj, la libreto estas speciale alloga, ĉar Sankta Nikolao, laŭ bone asertas nederlandanoj, estas hispano kaj li loĝas dum la tuta jaro inter ni.

Estas kuriozaĵo, vere stranga, ke ni ne konas lin kaj ke tiu fama samlandano nia ne havas, en unu el niaj ĝardenoj, grandegan monumenton. Tamen, leginte ĉi tiun verketon, mi ja kredas pri lia ekzistado.

**ANGEL PÉREZ**

---

**Nia literaturo estas nia plej forta kaj trafa argumento!**

**Kontentigante la deziron de nia redaktoro, S-ro Luis Hernandez, kiu memvole rezignas la postenon, por povi okupi sian liberan tempon en literaturaj taskoj, ni atentigas niajn legantojn, ke, ekde la venonta numero, kolektivo el la Valencia rondo zorgos pri la redaktado de BOLETIN**

## UTOPIO

Esperanto estas utopia revo! oni diras. Jes, vi estas prava, tute prava: Esperanto estas utopio. Sed, ĉu vi bonvolas diri al mi kio ne estas utopio sur ĉi tiu larma valo? Ĉu vi kapablas montri ion, kio ne estas ŝajne vera revo en sia komenco? Ĉu ankaŭ ne estas vera utopio, kiam subite fraŭlo troviĝas antaŭ bela fraŭlino kaj ekamindumas ŝin, ne sciante ankoraŭ, ĉu ŝi akceptos lian amindumon? Ĉu ne estas utopio planti trunketon por ke ĝi enradikiĝu, kresku kaj donu dolĉajn fruktojn, por frande nin regali? Vere, en la homa vivado, ĉio aspektas kiel utopioj kaj revoj, pli aŭ malpli realigeblaj. Ĉiu invento en sia embrio estis vera utopio. Do, kalkulu kiom da revoj kaj utopioj realiĝis tra la homa historio!

Jes, sinjoroj; Esperanto estis utopia revo, kiam ĝi ekestis en la cerbo de sia elpensinto, D-ro Zamenhof. Sed, nun ĝi jam ne plu estas utopio, sed utilega interkomprenilo, kiu kondukas al grandegaj avantaĝoj kaj profitoj por la tuta homaro.

Hodiaŭ, en la jarcento de la rapideco, estas grandega paradokso paroli kontraŭ instrumento, kiu fariĝas pli necesa de tago al tago, kiel solvo por problemo ĉiutage pli sentebla.

ANTONIO CRIACH - (Sabadell)

## SECRETARIA

*Con el presente número se envía, a cada uno de los socios, una hoja ds inscripción a la Federación. Rogamos encarecidamente que no sea abandonada entre otros papeles. Que sirva para hacer un nuevo socio cada una, suscribiendo a un amigo o dándosela a quien la rellene y nos la mande. Si cada uno hace que no se pierda esta hoja, que hoy enviamos, muchos de los problemas de* HEF *se solucionarán satisfactoriamente.*

*De este número solo enviamos un ejemplar a cada socio, sea cual fuere su cuota, de acuerdo con la decisión tomada en el Congreso de Málaga. Aquellos, cuyo segundo ejemplar era remitido a otra persona y deseen que se le siga remitiendo, deberán abonar aparte, como pago mínimo, la cuota especial de 25 pesetas, establecida, precisamente, para dar facilidades a tal efecto.*

## KARL VANSELOW

**la «verda trobadoro» ne plu estas inter ni**

Jam 84-jara, la 28an de Decembro, 1959, post mallonga restado en malsanulejo, pace li transdormis en alian mondon. Kaduka jam delonge, li vivis ĝislaste por Esperanto; spite sian malforton, li vizitis Esperantajn kunvenojn, kontenta nur, kiam li estis inter samideanoj.

Multajn poemojn li verkis, kantis pri amo kaj paco, pri Verda Stelo kaj frateco. La tutmonda esperantistaro funebros kun ni

***por* ESPERANTO-LIGO BERLIN**
**Adolf Sproeck** (Prezidanto)

—

Komence de la jaro, forpasis en Barcelono. pli aĝa frato de nia kara samideano J. Bosch, al kiu tute sincere ni esprimas nian kondolon.

## ANONCETOJ

Grupo da Esperantistoj atendas viajn leterojn. Kooper. Klubo en Jelenia Góry, Plac 15 Grudnia, 28 (Pollando)

S-ro Favio Vivoda, L. D. Pace, 5 Monfalcone, C (Italio) deziras koresp. kun fraŭlinoj 17-22-jaraj, hispane kaj esperante

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Diciembre 1959)

| | |
|---|---|
| Suma anterior ........ | 7.486 Ptas. |
| J. Figueras - S. Esteban de Bas ... | 90 » |
| E. Pérez - Valencia ........ | 100 » |
| J. Olivé - Lérida ........ | 50 » |
| Angelo Bez - Milán ........ | 40 » |
| J. González - Sevilla ........ | 40 » |
| A. Criach - Sabadell ........ | 4 » |
| E. Maynar - Zaragoza ... | 30 » |
| J Rodríguez Erola - Valencia ..... | 50 » |
| Total del año | 7.890 Ptas. |

*He aquí, pues, un verdadero record, obra colectiva de muchos, como digno colofón para el año del Dr. Zamenhof. ¡Adelante!*

## TESORERIA

Relación de los números agraciados: 22 de Diciembre. N.° 36600. No se asigna por no existir poseedor del 100.